# INTERNACIA ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

**1—2**

JANUARO—JUNIO 1969
(XIII JARKOLEKTO)



La urba teatro en Helsinki, kie okazos la kongresaj teatraj vesperoj

SOFIA — BULGARIO

# KONTRAŬ LA LINGVA DISKRIMINACIO

## LA HEROAĴO DE KONSTANTIN KIRIL-FILOZOFO KAJ DE LIA FRATO METODIJ

Ĉiujare la bulgara popolo kaj ĉiuj slavaj popoloj celebras la 24-an de majo kiel rimarkindan feston por tiuj popoloj. Dum tiu ĉi jaro tiu festo estas des pli rimarkinda, ĉar ĝi koincidas kun la 25-a jubilea jaro de la socialisma revolucio en




Konstantin Kiril-Filozofo

Bulgario kaj kun la 1100 jara jubileo de la morto de unu el la fratoj, kreintoj de la slavbulgara lingvo — Konstantin Kiril — Filozofo.

Tiun ĝi gloran 1100-jaran datrevenon oni celebras ankaŭ en internacia skalo pere de UNESKO speciale kun oficialaj ceremonioj, semenarioj k. a. en Italio, Sovetunio kaj en pluraj aliaj landoj.

Tuj post la Krima milito 1853 oni difinis feston omaĝe al la kreintoj de la slava, malnova bulgara alfabeto — al la fratoj Kiril kaj Metodi. Tio estis 11 de majo laŭ malnova kalendaro. La festo dekomence estis lerneja, sed rapide ĝi transformiĝis en tutpopolan feston. La granda bulgara poeto kaj revoluciulo, Hristo Botev, pereinta en batalo kontraŭ la turka jugo en 1876 nomis ĝin: „festo, kiu devas nin emociigi kaj entusiazmigi por plena spirita kaj politika liberigo".

Konstantin Kiril estis naskita en la jaro 827 en Tesaloniko en tre rimarkinda, slavdevena familio. La patro estis vicurbestro de Tesaloniko. Lia frato Metodij estis pli maljuna kun 10 jaroj. Li ricevis altan instruitecon kaj pli malfrue fariĝis reganto de unu slava princlando en Makedonio. Konstantin Kiril finis la elementan kaj mezan lernadon en Tesaloniko. Post tio oni sendis lin kiel studanton en la plej supera skolo de Konstantinopol, nomata dum tiu tempo Magnurska skolo. Post la fino de la studoj li restis en la skolo kiel profesoro. Pro lia alta instruiteco kaj talento oni donis al li la rimarkindan titolon „filozofo".

En 862-a jaro Kiril kaj Metodij estas senditaj en Moravio por propagandi la orientan kristanismon pere de la slavbulgara lingvo kontraŭ la germana-latina influo inter la moravia slava popolo. Ilia propagando tamen renkontis seriozan reziston flanke de la germanaj-latinaj regnestroj. Tie la fratoj restis ĝis 867 jaro. Reveninte al Konstantinopol ili restis kelkan tempon en Venecio. Tie Kiril disputis kun la tielnomataj adeptoj kaj partianoj de la skolo de „trilingveco", kiuj asertis, ke ili rekonas en la servo de Dio nur tri lingvojn — hebrean, latinan kaj grekan.

Por defendi sian revolucian aserton kontraŭ la trilingveco Kiril kontraŭbatalis dirinte: „Ĉu Dio ne sendas pluvon egale al ĉiuj homoj kaj ĉu la suno ne lumas egale super ĉiuj homoj? Kaj kial vi ne hontas rekonante tri lingvojn kaj ordonas al ĉiuj aliaj popoloj kaj gentoj esti blindaj kaj surdaj".

Antaŭ ol reveni en Konstantinopol, en la lasta fariĝis malfovoraj politikaj ŝanĝoj la fratoj iris en Romon. Post certa tempo Kiril mortis en Romo, kie troviĝas lia tombo ankaŭ nun. Metodij revenis denove en Moraviaj regionoj, sed ne post longe estis persekutata kaj enkarcerigita en la malliberejo en Bavario, kie li restas 3 jarojn. Kiam oni lin juĝis, li respondis: Mi diras la veron antaŭ reĝoj kaj ne hontas — kaj vi faru kun mi laŭ via volo".

La reĝo, ĉe stanta en la juĝhalo provis moki lin:

— Ne turmentu mian Metodion, ĉar li ŝvitas kiel ĉe fornego.

Metodij tuj respondis ankaŭ al tiu ĉi mizera reĝo:

— Sinjoro, iun fojon homoj renkontis filozofon kaj demandis lin: „Kial vi ŝvitas"? Kaj li respondis: „Mi disputis kun malkleruloj".

Pro la insisto de moraviaj loĝantoj Papo Joan

VIII faris paŝojn antaŭ la germanaj-latinaj regnestroj kaj Metodij estis liberigita. Post lia liberigo dum 20 jaroj li propagandas la slavan-bulgaran lingvon, la slavan-bulgaran klerigadon kaj la fratan instruon.

La agado kaj la faro de Kiril kaj Metodij trovis plej favorajn kondiĉojn en Bulgario. Ĝi fariĝis centro kaj klasika lando de la mezepoka slava kaj malnova bulgara lingvo kaj literaturo. La fratoj Kiril kaj Metodij fariĝis fondintoj de la slava lingvo, slava literaturo kaj slava ortografio.

Per la senditaj kaj reskribitaj libroj la malnova slavbulgara alfabeto kaj lingvo disvastiĝas en Rusio, Serbio, Rumanio kaj en aliaj landoj. Dank'al la kreita de Kiril kaj Metodij slava alfabeto la slavaj popoloj akceptas en la frua mezepoko la kulturan heredaĵon de la homaro. En tiu ĉi rilato oni juste diras, ke Konstantin Kiril Filozofo kaj lia frato Metodij estas la unuaj pioniroj kaj portantoj de la eŭropa renesanca torĉo en la frua mezepoko.

La regantoj kaj aŭtoritatoj de Bizanco provis ĉiamaniere altiri al si la fratojn Kiril kaj Metodij por siaj celoj. Oni promesis al ili plej diversajn postenojn kaj donacaĵojn. Eĉ pli. Oni persvadis Konstantin Kiril edziĝi kun la filino de la imperiestro, sed li rifuzis per la vortoj: „La donacaĵoj, postenoj kaj diverspecaj promesoj povas esti grandaj kaj gravaj, sed por tiuj, kiuj ilin deziras, tamen por mi nenio estas pli granda ol la instruado kaj klerigado, ĉar:

> Sen libroj ĉiuj popoloj, nudaj estas.
> Ili ne povas batali sen armilo
> kontraŭ la malamiko de niaj animoj —
> ili estos kaptitoj de eterna sufero!
>
> Kaj plie:
> Libroj necesas same kiel necesas salo
> por ke oni malebligu putradon!

La fratoj Kiril kaj Metodij ne estis kabinetaj sciencistoj. Ili partoprenis aktive en la socia kultur-kleriga vivo. Kiril partoprenis ankaŭ en la literatura vivo. Li kreis verkojn de diversaj ĝenroj kaj specoj de la mezepoka literaturo. Sed la slavaj popoloj plej multe interesiĝas pri la faro kaj agado de la fratoj rilate la kreadon de la malnova slav-bulgara alfabeto, per kio ili kontribuis ankaŭ por la disvolviĝo de la skriba kaj literatura lingvo. Kiel kreantoj de tiu skriba lingvo Kiril kaj Metodij meritas tiun gloron, kiu restos dum jarcentoj.

Kiril kaj Metodij supervivis multajn „sciencistojn" en la pasinteco kaj en la estanteco, kiuj asertis kaj asertas, ke la naciaj lingvoj kaj idiomoj estas sanktaj kaj netuŝeblaj. Tamen la fratoj havis la kuraĝon defendi la slavan kaj bulgaran skriban kaj literaturan lingvon, simile kiel Zamenhof ne timis krei la internacian lingvon Esperanto sur la vivaj internaciaj lingvaj elementoj, konataj al ĉiuj kulturaj popoloj. En tiu ĉi senco oni povas diri: kiom estas artefarita la slava kaj malnova bulgara lingvo, tiom estas artefarita Esperanto. Unuvorte, kion faris Konstantin Filozofo kaj lia frato por la slavdevenaj lingvoj, ion similan faris Zamenhof por la nuna internacia lingvo Esperanto, por la internacia interkompreniĝo.

Per la kreita de li bulgarslava alfabeto Kiril tradukas la plej gravajn religiajn kaj kristanajn librojn, necesajn por religia servo en la kristanaj preĝejoj; li skribas originalajn verkojn, kaj tiamaniere kreas la literaturan slavan lingvon kaj ortografion. Analoge, por perfektigi sian lingvon, Zamenhof tradukis en Esperanton la verkojn de Ŝekspir, Ŝiler, Gete, tradukis la biblion, skribis originalajn verkojn, poezion en Esperanto. Tiamaniere li faris sian lingvon taŭga por uzado de homoj el plej diversaj landoj.

Por la komprenebleco de la slava alfabeto kaj lingvo inter la slavaj popoloj Kiril diris: „kiam mi predikas mian preĝon, mi preferas diri kvin vortojn, sed ĉiuj ilin komprenu" Similajn vortojn diris Zamenhof: „Mi kreis mian lingvon, diras li, por ke ĉiuj homoj kelkoble pli facile ellernu ĝin ol oni lernas kian ajn nacian lingvon".

Dum la mezepoko la slava skriba lingvo, la slava literaturo, kvankam religia, servas kiel efika ilo kontraŭ la lingva diskriminado en mezepoko, kontraŭ la agreso de la bizanca imperio kaj germana feodalismo. Per sia literatura kaj kulturkleriga agado la apostoloj de la slavbulgara lingvo ĵetis semojn, kiujn nek ilia morto, nek la postsekvintaj malfacilaĵoj povis sufoki. Tiuj semoj ĝermis riĉe, ili vivas kaj donas multajn fruktojn. La nuna bulgara lingvo, ĝia socialisma kulturo kaj scienco estas floranta krono sur la sankta kaj neforgesebla faro kaj agado de la fratoj Kiril kaj Metodij. Pro tio la bulgara popolo kaj ĉiuj slavaj popoloj eterne ilin memoros. La bulgara popolo fieras kun la senmorta faro kaj laboro de la fratoj Kiril kaj Metodij. Tiu ilia agado havas siajn radikojn en la bulgara lingvo, en la bulgaraj tradicioj kaj kulturo. Per sia faro kaj agado, per la rezultoj ili kontribuis por ke ankaŭ la bulgara kaj aliaj slavaj popoloj donu siajn valoraĵojn al la kultura trezorejo de la homaro.

Nano Nanov

---

## GRAVA AVERTO

La ekssekretario de Tutmonda Esp. Ĵurnalista Asocio Dino Fabris de kelkaj jaroj memvole kaj senaverte forlasis sian postenon. Li respondas al neniaj leteroj.

Ni petas la membrojn de TEĴA ne plu skribi al li. Pri ĉiuj demandoj konekse kun TEĴA ĉiam skribu al la sekretario de TEĴA kaj redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" Ivan Keremidĉiev-Esperov, bul. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04.

## PLUMO AŬ GLAVO?

*Bulwer Lytton (1803—1873) estis fama angla romanisto kaj dramisto. Li postlasis multajn verkojn kiuj forte influis la britan literaturon de la 19a jarcento. Unu el liaj plej trafaj aforismoj briladis tra la jaroj, eĉ ĝis hodiaŭ, kaj unike taŭgas al la ĵurnalista profesio. Ĉiu serioza ĵurnalisto, kiu primeditas ĝin, tuj konstatas sian respondecon kiel gvidanto de publika opinio. Kaj ĉiu pacamanto vidas en ĝi esperigan montrilon al eventuala progreso de la homaro.*

*Temas pri la simplaj vortoj: La PLUMO ESTAS PLI POTENCA, OL LA GLAVO. Tiuj vortoj inspiras en mi, kiu ne estas mem profesia ĵurnalisto, grandan admiron al tiuj lertaj kaj facilskribaj homoj, kiuj senlace informadas la publikon. Ili povas erari; ili povas erarigi; sed nur malofte ili volas trompi.*

*Tamen estas evidente, ke io mankas al la frazo, ĉar ĉiu povas memori multajn okazojn dum lastaj jaroj, kiam la plumo funkciis kiel aliancano, servanto, eĉ instiganto de la glavo. Tio estas malagrabla fakto, kiu meritas detalan ekzamenon.*

*La homo estas senfine scivola; li avide soifas informon pri diversaj temoj — prefere veran informon. Sed la vidpunktoj kaj opinioj de la homoj estas senlime variaj, kaj ofte interoponaj. Kion do faru la sincera raportisto?*

*Ideale li devas raporti faktojn objektive, zorge kontrolinte la verecon de ĉiu aserto; se komento nesesas, ĝi estu sincera, serioza kaj justa. Sed en ĉiu profesio kaj metio, kiam oni devas obei direktivon de superulo, idealoj estas ofte ne atingeblaj. Preskaŭ ĉiu redaktoro rigardas sin kvazaŭ ŝipkapitanon, kiu penas navigi kiel eble plej rekte al malproksima haveno. La haveno povas esti religia, politika, metia, komerca, sporta. . . kion li volas. Kaj nature tiu gvida celo motivas lian elekton de materialo. Liaj kontribuantoj, se ili ne volas plenigi la redakcian paperkorbon, estas pli-malpli devigataj tendencigi sian verkaĵon en la deziratan direkton. Ili devas konverti, konvinki, korekti, kuraĝigi, kaĵoli. La tentoj estas gravaj: misprezento, kaŝemo, trograndiĝo — eĉ rekta malveraĵo.*

*Civilizita popolo preferas paroli, ol pafi; persvadi, ol persekuti. La glavo kapablas disverŝi la sangon de senkulpaj virinoj kaj infanoj; la plumo estas pli potenca, ĉar ĝi povas laŭvole elekti inter du funkcioj: aŭ inciti popolon per falsaj kalumnioj ekpreni la glavon, aŭ instigi popolon per raciaj argumentoj diskuti pace siajn dezirojn aŭ plendojn, celante amikecon kaj prosperon. Forto sola neniel pravigas ĵuran kazon.*

*Do, la honesta ĵurnalisto foje frontas dilemon: ĉu erarigi la legontojn por plaĉi al la redaktoro, aŭ ĉu inviti silentigon kaj senlaborecon?*

*Li paŭzu, kaj memorigu sin, ke liaj vortoj povas forte influi la pensojn de multaj homoj kaj la evoluon de postaj eventoj. Lia plumo (aŭ tajpilo) estas penetrema armilo — pli potenca, ol la glavo. . .*

**A V O T O**
Welling, Kent, Anglio

## LA JARO DE HOMAJ RAJTOJ

**La ĵus finiĝinta jaro — la Jaro de Homaj Rajtoj — bone servas por ilustri tiun argumenton. Por tiu Jaro UEA ellaboris apartan laborplanon, kiun ĝi ankaŭ komplete plenumis. Egale, ĉu la laboroj faritaj laŭ tiu plano atingis iun konkretan plibonigon de la situacio rilate la homajn rajtojn en iu ajn lando, la kampanjo en si mem sukcesis gajni grandajn simpatiojn por la Internacia Lingvo, precipe ĉe tiuj popoloj, kiuj sentas sin sub premo de lingva imperiismo. Tiel skribas prof. Lapenna: „ . . . nia ribelo kontraŭ la kulturan diskriminacion, kiu kelkfoje ricevas formojn de kultura genocido, kaj kontraŭ la instituciigitajn lingvajn privilegiojn de la potenculoj en internaciaj rilatoj, necese ĉiam pli inklinigos al la lingvo la favoron de tiuj kreskantaj ribelaj junaj fortoj, kiuj komprenas, eble ankoraŭ ne tute klare, ke la homaro ne povas plu longe vivi kun unu piedo — rilate la teknikan progreson — en la 21-a jarcento, kaj kun la alia — rilate la politikajn, sociajn kaj kulturajn instituciojn — en la 19-a“. (UEA)**

## ESPERANTO — REALA FAKTORO DE NUNTEMPO

Dum lasta tempo sortis al mi tralegi verkojn de du niaj kolegoj TEĴA-anoj — L. Fiŝbejn kaj A. Harkovskij. La unua verkis tutpaĝan artikolon en sia urba ĵurnalo „Standardo" (urbo Uzlovaja, Tula regiono, USSR) al la 100-jara datreveno de naskiĝtago de Lenin, sub titolo *„Lenin en la koroj de popoloj"* (№ 22/5797 de la 18. 2. 1969). La dua publikigis sian eseon pri la blinda esperantisto-verkisto en japana kaj esperantolingvoj — V. Eroŝenko, en la kajero de historiaj skizoj „Prometeo" (№ 5. 1969- Moskvo, USSR).

Ŝajne nur plej ĝeneralaj trajtoj proksimiĝas inter si la du verkojn. Ĉiu el ili estis dediĉita al sola persono. L. Fiŝbejn per sia laboro faris gravan kontribuon al la literaturo pri Lenin. Ja la 100 jara datreveno de lia naskiĝtago estos celebrata en mondskalo; UNESKO decidis aprezi tiun kolosan historian personecon, kiu inaŭguris la novan epokon en la vivo de laborula popolo de l'tutmondo.

La verko de A. Harkovskij estas dediĉita al modesta revemulo, verkisto, homamanto, kiu per sia vivo kaj verko radias simbole en analo de amikeco inter rusa kaj japana popoloj.

Unu estas gazeta paĝo, la alia estas libroforma monografio. Sed ambaŭ montras gravan internacian kunlaboron de diverslandaj ĵurnalistoj. Ambaŭ estas ligitaj kun la internacia lingvo. En la verko de L. Fiŝbejn la tutan fontmaterialon liveris esperantistoj el Leipzig (Germana Demokrata Respubliko), Varna (Bulgario), Poronino (Pollando), Tampere (Finnlando).

En la verko de A. Harkovskij estis uzitaj materialoj de rusa, angla, japana ĵurnalismo, beletro, publicistiko kaj tiuj de apartaj personoj.

En ambaŭ absolute forestas iu ajn reklama trumpetado pri facileco, belsoneco, disvastigendeco, lernindeco ktp de l'internacia lingvo. Kaj tamen ambaŭ estas tute nete kaj klare manifestantaj, malgraŭ eta mencio de esperanto partopreno, ke la internacia lingvo jam eniris en la vivon de la nuntempa socio, kiel ĝia plenrajta, ekzistanta kaj progresanta fenomeno kaj faktoro.

Estus interese tralegi sur paĝoj de nia „I. J." artikolojn de la kolegoj mem (TEĴA-anoj) L. Fisŝejn kaj A. Harkovskij pri iliaj metodoj de laboro, baroj kaj obstakloj, kiujn ili majstris superregi kaj kiamaniere ili tion sukcesis kaj ĝenerale pri ilia „laboratorio de ĵurnalismo", dank' al kiuj sukcesis aperi tiom interesaj, utilaj faktoriĉaj kaj instruaj materialoj por la tuta nia movado.

Sed esprimante mian propran opinion pri ilia laboro, mi devas konfesi, ke sekvantaj gravaj trajtoj karakterizas iliajn verkojn.

1. Intima internacia kunlaboro de diverslandaj ĵurnalistoj.
2. Faktoriĉaj kaj tre enhavaj materialoj.
3. Serioza prilaboro de materialoj sur alta nivelo de nacilingva standardo.
4. Klara montro de rolo kaj signifo, kiun havas internacia lingvo por nuntempa socio.

Ĝis nun min ĉiam ravis la modela laboro de nia kolego K. Malycha en la ĵurnalo „Ilustrovany Kurier Polski" (Bydgoszcz, Pollando), kiun dank'al lia afableco mi havas eblecon legi ĉiunumere, kie aperas informoj sub la rubriko „Esperanto".

Sed nun mi vidas, kepli kaj pli vastiĝas serioza laboro en la internacia lingvo, kio plej senrefute atestas la grandan valoron de la lingvo kaj ĝian realan penetron en la vivo de nuntempa socio.

Kaj mi plezure konstatis ke kreskas vicoj de niaj TEĴA-anoj, kiuj ĝuste trovis vojon kaj metodojn de utiligo kaj apliko de Esperanto por profesia ĵurnalismo. Kaj la akcelo kaj disvastigo de tiaspeca agado sendube estas ĉefa tasko tiel de TEĴA, kiel ankaŭ de ĝia persorgano, nia ŝatata „I. Ĵ.".

N. Danovskij

---

**Karaj gekolegoj! Ĉu vi pagis vian membrokotizon aŭ vian abonkotizon por „Internacia Ĵurnalisto"? Se ne ankoraŭ, bonvolu fari tuj tion rekte al la adreso de nia organo, aŭ al vialandaj reprezentantoj de TEĴA!**

# NOVAJ INTERPRETOJ DE ALEKSANDR LOGVIN



Aleksandr Logvin

## ANNA AĤMATOVA

(1888—1966)

### Aleksandro ĉe Fivy

*(Domo de l'Poeto)*

*Terura estis kaj minaca*
*juna car',*
*kiam li diris:*
*„Vi ekstremu Fivy plene!"*
*Kaj la gvidanto olda*
*vidis tuj revene*
*la urbon, kiun konis*
*en antaŭtempar'.*
*„Al Fajro tuton!"*
*Car' ordonis sen ripeto —*
*pordegojn, turojn, templojn —*
*mirindaĵ' de l' mond'.*
*Sed li subite*
*haltis inter sia rond'*
*kaj diris:*
*„Nur ne tuŝu*
*Domon de l' Poeto!".*

*Oktobto, 1961*

## Boris Pasternak

(1890—1960)

*Estas nebone iĝi fama.*
*Ne tio levas en la viv'.*
*Ne tremu do en zorgo flama*
*pri manuskriptoj de l' arkiv'.*

*La cel' de l' kreo — la sindono,*
*sed ne tumulto, ne prosper'.*
*Malglora estas fanfarono*
*sen vera gravo sur la ter'.*

*Ni vivu sen la pseŭda famo,*
*ni tiel vivi devas nur,*
*por ŝaton trovi en ĉiamo*
*ekaŭdi vokon de l' futur'.*

*Ni devas lasi lokon puran*
*en sorto, se ne sur paper',*
*ĉapitrojn de la vivo kara*
*akrestrekante en kajer'.*

*Mergiĝi al nekonateco,*
*kaŝante paŝon post la paŝ'?*
*Kiel nebula senklareco*
*forglutas ĉion sur lokaĵ'.*

*Aliaj iros al espero*
*laŭ vivospur' kun sia em',*
*malvenkon tamen de prospero*
*distingi vi ne devas mem.*

*Kaj de la memo vi nature*
*ne devas deflankiĝi vin,*
*sed esti viva, viva nure,*
*nur esti viva ĝis la fin'.*

## STEPAN ŜĈIPAŜOV

*Estas konataj irvojoj al steloj —*
*brilas glacie en linzoj helaj.*

*Milmiloj da astroj Lakt-Voje sin movas,*
*sed ĉe teleskopo ni ĉiujn eltrovas.*

*Eĉ fora steleto, ĝis nun nevidata,*
*jam havas la nomon kaj estas konata.*

*Sortoj de l' homoj, vi estas aliaj, —*
*se teleskopojn vi havus tiajn!*

## SERGEJ ŜMIRNOV

*Ne por si mem*
*en florokampo prenas,*
*kolektas dolĉmielon*
*abelet'.*
*Feliĉa estas*
*kiu ĝin komprenas,*
*ĉi sperton,*
*kaj imitos kun impet'.*

*

*SENDANKA ASTRONOMO*

*Li vivas sub la sun',*
*kiel riĉuloj. . .*
*Sed sur la suno vidas*
*nur makulojn.*

*

*RARAJO*

*Erinac' al erinaco*
*sendis invitilon:*
*„Venu, montros mi al vi*
*erinacpikilon. . .*

*

*EN FIŜKAPTISTA ROBO*

*En fiŝkaptista robo*
*Mi staras kun rideto,*
*Nur*
*oron*
*kapti provas*
*Mi por feliĉ'*
*fiŝeton.*
*Tremetas*
*griza,*
*verda*
*Kaj ec arĝentkolora.*
*Sed mi*
*versiste*
*kredas, —*
*Ke —*
*jen! —*
*ekbrilos ora!*

## AFANASIJ FET (ŜENŜIN)

(1820—1892)

**Mi alvenis kun saluto**

*Mi alvenis kun saluto*
*diri, ke la suno varma*
*jam vekiĝas por la tuto-*
*ĉie tremas lumo ĉarma;*
*diri, ke arbar' vekiĝis*
*ver la ĉiu braĉn ero,*
*pro soif' al primavero;*
*diri, ke por mi alblovas*
*ek de ĉie gajo pura,*
*kaj silenti mi ne povas —*
*iĝas kanto jam matura.*

*

## JEŬGEN FOMIN

(1910—1942)

IMPROVIZAĴO

**Ekzistas hor' de silentad' tutmonda**

F. Tjutĉev

*Ekzistas hor' — l' vnim' ne tremas plu.*
*Kaj super neĝa mont' fiera*
*Senbrue en ĉiela blu'*
*trakuros ombro — nubo efemera;*
*Retenos vento spiron eĉ, —*
*La mondo kvietiĝos por momento,*
*Fantomoj staros de silento —*
*Kaj trankviliĝos mar' en streĉ'.*
*El streĉoplena la silent'*
*Estiĝis ja pianklavaro,*
*Sur kiu ludos nerv' — amaro*
*Pri senkonsol — milita sent'.*

---

*) Jeugen Pavloviĉ Fomin-ukraina talenta poeto, murdita en Kiev en novembro 1942 en torturejo de Gestapo.

## Vere tutmonda kulturo, sed ĉu ankaŭ. . . sennacieca?!

La talenta E-poeto kaj redaktoro de „Norda Prismo“ William Auld skribas en la unua n-ro — 969 de „NP“ tiel:

„En nia sango kaj ostoj mi estas konvinkita, ke Esperanto estas unu el la vere gravaj kulturaj faktoroj en la nuna mondo — laŭ tiu senco, ke sen ĝi la estonteco de la homaro estus nemezureble malpli hela ol ĝi estas. Mi estas konvinkita pri la neceso teni brulanta la flamon de nia internacia kaj s e n n a c i a kulturo, la sola en la tuta mondo, kiu estas vere (kaj ne nur pretekste) tutmonde bazita“.

Elkore diritaj vortoj de bona, entuziasma esperantisto. Vere, ĉiu nacia kulturo eniras en la trezorejon de la tutmonda, internacia kulturo. Sed, estimata redaktoro de „NP“, mi ankoraŭ ne aŭdis pri la ekzistado de lando nomata Sennacujo (Sennacio). Tial, mi ne konas „sennacian“ kulturon.

### POR „BATALEMA SPIRITO“

S-ano Andre Bourdeau sub la supra titolo sur la unua paĝo de „Franca Esperantisto“ n-ro 256/1969 skribas zorgeme:

Ni parolu malkaŝeme: malkresko de la membraro, malkresko de la intereso por Esperanto kaj ĝiaj organizaĵoj (loka societo' fadaracio, Unuiĝo) fare de la esperantistoj mem nigrigas nian estonton.

La daŭrigo de disaj agadoj, la troigo de la individualismo en la konduko de aliaj, la traktado de internacia afero laŭ loka vidpunkto danĝerigas la ekzistadon mem de Esperanto en nia lando.

Disvastigi Esperanton kaj nur Esperanton, kion celas Unuiĝo Franca por Esperanto, postulas en 1969 de ĉiu el ni „bataleman spiriton“, sendifektan volon kaj antaŭ ĉio DISCIPLINON kaj PLENAN FIDON je la respondeculoj, ĉu federaciaj, ĉu naciaj“.

Ni ne komprenis, kiacele la francaj esperantistoj laboras por la disvastigo nur de Esperanto. Ĉu ili ne profitas Esperanton por diversaj aliaj celoj? Kaj ĉu ankaŭ la franca E-movado ekstagnis? Tial al la francaj esperantistoj vere estas n e c e s a j „batalema spirito“, sendifekta volo kaj antaŭ ĉio DISCIPLINO KAJ PLENA FIDO. Kaj ankaŭ. . . veran humanan celon por inspiri, impeti ilin!

Sed tion ni devas bondeziri ankaŭ al la tutmonda E-movado! Ne estas necesaj disaj agadoj! Kaj sencela, sektaneca agado!

### „P R E T E R E“:

Sub la rubriko P r e t e r e la jugoslava E-gazeto „L a S u d a S t e l o“ en sia kvara n-ro — 1968 tuŝas interesajn tiklajn primovadajn demandojn. Citante la titolon „P l i v a l o r a l a p r a k t i k o o l c e n t h o r a p r e d i k o“ el „Esperanto-Gazeto“ de IOE, n-ro 23—24, kaj la „patose“ verkitan artikolon „IOE k o n t r a ŭ a l i a j o r g a n i z a ĵ o j?“, „La Suda Stelo“ kritikas „IOE“n, ke, kontraŭ siaj principoj, por organizata turisma ekskurso al Rumanio, profitas la helpon ankaŭ de esperantistoj.

Sur la sekvanta paĝo (83) sub la titolo „S p i t e k a j p r o f i t e“ „LES“ citas leteron de leganto, en kiu li kritikas la organizantojn de la karavano al Madrid pasintjare, ke „la karavano konsistis preskaŭ nur el neesperantistoj, kaj ke la „esperantistoj“ ne scias paroli la lingvon“.

Ie ni legis, ke en Madrid el ĉiuj landoj plej multe venis jugoslavaj esperantistoj. Ĉu ili estis la menciitaj karavananoj? Ho, ve!

Menciinda estas ankaŭ la artikolo:

### „ĈU LA MONDO MOVIĜAS“

en la sama n-ro (de „LSS“) de Duŝan Janeckov

„. . . Estas tragikomike, skribas la aŭtoro — ni parolas ĉiutage, ke malaltiĝas la abonantoj kaj la legantaro de niaj gazetoj kaj revuoj, kaj aliflanke, ni propagandas la lingvon en Esperanto, do,a 1 esperantistoj! Ĉu ne estas tempo jam propagandi Esperanton en nacia lingvo?! . . . Ĉu ne estas bezonata nacilingva libro „Kio estas Esperanto?“.

---

## SKOTOJ HASTAS REGISTRI VELKANTAN LINGVON

**De John Fowler***

Kun la Oksforda Angla Vortaro apogita antaŭ si, kaj kartoteko apud sia kubuto, David Murison jam ĝisatingis la vorton stob, kiu signifas „paliso, najlego aŭ dorno,“ kaj foje „najborilo.“

S-ro Murison laboradas en 18-jarcenta terasdomo, redaktante la Skotan Nacian Vortaron. Ero estas brava penado registri la lingvaĵon de la malaltejaj skotoj, antaŭ ĝia malapero sub la litkovrilo de norma anglaĵo. Antaŭ kelkja tagoj oni ekspedis la finan parton de la sepa volumo al la presistoj. Venos ankoraŭ tri volumoj antaŭ la planita findato en 1974.

La tempo apenaŭ sufiĉos: „La lingvo sendobe disfalas. Ĝi jam montras altan gradon de putriĝo.“ Kaj erudicio estas penema — la unua esplorado komencis en 1907, instigata de Sir William Craigie, ĉefredaktisto de la Oksforda Vortaro. La publikigo komencis en 1929.

La skota ne estas nura serio da dialektoj, sed tute memstara lingvo, deklaras Murison. „Estas vere, ke ĝi devenis de la anglosaksa, same kiel la norma angla, kaj ĝis la 16-a jarcento ĝi estis malmulte distingebla de la norda mezangla, sed poste la mezangla drivis el komuna uzado. Tamen la skota daŭris, ĉar ĝi estis la lingvo de sendependa nacio. Ĝi estis 'skota de l'reĝo, 'agnoskita oficiala lingvo.“

Murison estas gracila, 55-jara licenciato de

* El „THE SUNDAY TIMES“, Londono, 8 dec. 1968.

— Jes, tute necesaj estas tiaj nacilingvaj libroj. Ekzemple, en Bulgario antaŭ jaroj oni eldonis bulgarlingve libreton „La mondo havas internacian lingvon". Krome, la esperantistoj devas konkeri la paĝojn de la nacilingvaj politikaj, kulturaj ktp gazetoj kaj revuoj, la elsendojn de la radioj, televidoj k.a. En iuj landoj oni eldonas ankaŭ en nacia lingvo gazetojn. La esperantistoj ne devas agi sektanece, membrante nur en E-societoj. Ili devas aktive labori ankaŭ en aliaj amasaj organizaĵoj, kie ni trovas fekundan grundon por konvena propagando de la Internacia Lingvo. Ĉu ni montris elokvente al la sociagantoj, al la aŭtoritatuloj, ke nia peresperanta laboro estas utila ankaŭ por la lando mem? Se jes, ni ricevos ankaŭ ilian moralan kaj materialan apogon.

S-ano D. Janeckov prave kritikas la sektanecan „etburĝan", „neutralecan" agadon kaj komprenon ri late la pacon, rasismon k. a. de diversaj E-organizaĵoj, kio mulutilas al nia E-movado.

**LA KRIZO DE NIA TEMPO KAJ ESPERANTO**

Finfine ni menciu la presitan en B o l e t i n (de la Hispana E-Federacio), n-ro 35 — 1969, prelegon de S-ro G. Moya, sub la supra titolo. Interesa prelego, tuŝanta multajn priesperantajn problemojn: pri la lingvaj idiomoj kaj la lingva diskriminado, pri la krizo de nia tempo kaj la devo de la esperantistoj, ktp.

> „. . . se ni propagandas Esperanton laŭ la vidpunkto de nura utilo, oni povas respondi al ni, ke tia propagando estas nekonvinka. Ĉar pri turismo oni povas respondi, ke ne ĉiuj estas sufiĉe riĉaj por ofte vojaĝi eksterlanden. Aŭ, ke riĉulo ĉie povas renkonti salajritajn interpretantojn. Pri komercaj rilatoj oni povas respondi, ke lia komerco esta urba aŭ nacia kaj okaze de internacia komercisto, ke ne mankas al li tradukistoj".

Kaj tiel plu. En tiu mondo de krizo la „grandaj potencoj kreske armas sin", „ne solvas la krizon la simpla ŝajna ignorado. Nek amasa distriĝemo, nek tempopasigilo, nek morala ĥaoso povas anstataŭi la agadon por fratigi la homojn" — diras s-ano Moya. La preleganto daŭrigas:

> „Esperanto, tutmonda helpa lingvo estas la ilo por tiu universala spirita movado por la frateco.
>
> Zamenhof kreis la lingvon Esperanto por tiu frateca agado, kiun li nomis la Internacia ideo de Esperanto. Sed nun, la esperantistoj miksite en la komunaj sociaj cirkonstancoj iom neglektis ĝin kaj nia movado, sen impeto de spirita forto, preskaŭ stagnas".

— Ree stagnado, nun pro manko de idea, morala impeto. Juste. Sed ne nur pro tiu ĉi manko. Pri aliaj ni skribis en la supraj niaj notoj kaj alifoje en antaŭaj n-roj de „IĴ".

Konklude, ni devas substreki, ke la esperantistoj devas nepre kaj obstine, lerte kaj laŭplane labori por la enkonduko de E-to en la praktikan vivon de la popoloj, kiel en la turismon kaj komercon, tiel ankaŭ en la kulturan, profesian, sciencan kaj alian ĉiutagan internacian vivon de la homoj. Sed sukceson oni gajnos nur tiam, kiam nia ĝenerala aŭ faka esperanta laboro havos ankaŭ idean, moralan impeton kaj kontribuas al la strebado de la popoloj por tutmonda paco kaj interkompreniĝo.

Tial tre utilaj por la E-movado estas la iniciatitaj de Universala Esperanto-Asocio kampanjoj pri la Universala Deklaracio de Homaj rajtoj, Semajno de Internacia Amikeco, Aprezado de kulturoj Oriento-Okcidento, k. a.

La efektivigo de tiuj iniciatoj de UEA estos rezultodona ankaŭ por nia E.-movado, se ni tamen laboros kune kun aliaj, naciaj kaj internaciaj, ne esperantistaj organizaĵoj, institutoj kaj societoj.

Iv. Es.

---

Aberdena kaj Kembriĝa universitatoj, kaj estis lektoro pri geklingvo antaŭ ol anstataŭi la unuan redaktiston de la vortaro baldaŭ post la milito. Kiel knabo li parolis la dialektan skotan en la farma komunumo de Buchan (pron. buĥ'n), kaj li ankoraŭ nun preferas uzi ĝin kiam li trovas iun, kiu komprenas.

Murison kaj liaj kvar asistantoj havas, laŭ kelkaj aspektoj, pli komplikitan taskon, ol havis la kompilintoj de la Oksforda Vortaro. Krom indiki ĉu iu vorto estas arkaika aŭ aktuala, ili devas trakti lokajn variantojn de signifo, uzado kaj ortografio. Ili dependas de la sensalajra helpo de ĉirkaŭ 130 homoj, al kiuj ili sendas vortlistojn; ankaŭ de ŝrumpanta pro maljuniĝo nukleo da entuziasmuloj, kiuj prinotas malnetaĵojn antaŭ fina redaktado. Tipan malneton povas kontroli lignaĵistĵo en Kirkcudbright (pron. kerkubri), inĝeniero en Greenock (pron. grenok), instruistino en Ayr (pron er) kaj dominastrino en Perthshire (pron. pertŝir).

Monrimedoj estis problemo depost la milito, kaj nature la templimoj postulitaj de la patronaro estas premaj. Dum la fruaj tagoj, la antaŭulo de Murison ĉirkaŭvagadis la regionon per malnova aŭtomobilo, ofte kun fonografo por registri lokan elparolaĵon. Murison restas konstante ĉe sia pupitro. „Iuj imagas al si, ke mi sidadas lukse kun la piedoj surtable, fumadas, kaj cerbume konjektas pri iu vorto uzita de mia avinjo. Tute ne estas tiel."

La sekcio aktuale kompostata komencas per la vorto r e e, signifanta „ŝafejo aŭ bestejo", kaj finas per r y v e, varianto de verbo kiu signifas „disŝiri." Dismetitaj inter la evidente skotaj vortoj troviĝas pli konataj terminoj, pruntitaj de moderna anglaĵo el skota fonto, ekz. c u d d l e (brakumi) kaj p e t (dorloti).

R e l e v a n t (rilata) kaj i r r e l e v a n t (malrilata) devenis de skotaj jurterminoj. G l a m o u r (ĉarmo) estis originale g r a m m a r (gramatiko), kaj derivis sian nunan signifon de la gramatiko aŭ sorĉo de sorĉistino. S l o g a n (slogano) naskiĝis el la gaela s l u a g h g h i r m (batalkrio).

Eble 50,000 vortoj estos registritaj kiam Murison dankeme finos sian taskon post pluaj kvin jaroj. „Mi treege sopiras tiun tagon", li diras. „Mi jam okupis min pri tiu ĉi dum 22 jaroj, kaj dum lastaj sep jaroj mi eĉ neniam feriis."

Tradukis: AVOTO. Anglio. Speciale por „IĴ".

## Finnlando

**Lando.** Finnlando havas 4 700 000 loĝantojn. Ĝia areo estas granda: 337 009 km², kio signifas, ke laŭ la teritorio Finnlando estas la kvina lando de Eŭropo.

Vastaj arbaroj, pinoj, abioj kaj betuloj kovras la plej grandan parton de la lando. Nombro de lagoj estas 62 000, el kiuj la plej granda estas Saimaa, 4400 km².

Granda insularo — 6500 insuletoj — etendiĝas en la sudokcidenta parto de la lando, kie situas la plej granda insulo Alando, kiel ponto inter Finnlando kaj Svedujo. La loĝantoj estas preskaŭ nur svedingvai, ĉ. 8000. La insulo estas aŭtonoma parto de Finnlando. Turistoj, kiuj alvenas Finnlandon tra Svedujo kaj per ŝipo al urbo Turku, havas memorindan travivaĵon travojaĝante la tutan insularon. Eĉ, al ni finnoj kaj nordlandanoj, ĝi estas neforgesebla.

**Historio.** En sia miljara historio Finnlando estis subigita al la sveda kaj poste al la rusa registaro. Sveda lingvo estis longe kiel sola oficiala lingvo de la lando. Post la rusa revolucio en 1917 kaj fondo de la Soveta ŝtato, la lando ricevis sian sendependecon el mano de Lenin kaj fondiĝis la Finnlanda Respubliko.

La nuna prezidanto estas jam trifoje elektita, D-ro Urho Kaleva Kekkonen. La parlamento konsistas el 200 deputitoj, elektitaj el 8 partioj. En la nuna registaro estas reprezentitaj tri grandaj partioj.

**Kulturo.** La finna popolo havas fortan kulturan heredaĵon el la „Sveda tempo". La superaj klasoj — antaŭ cent jaroj — estis svedlingvaj. Ankoraŭ hodiaŭ Finnlando estas oficiale dulingva. Ŝtataj oficistoj devas scii ambaŭ lingvojn. En la urboj apud la marbordo (Helsinki, Turku, Porvoo, Vaasa k. a.) oni konas la svedan lingvon. La urboj havas 8—10 procentan svedlingvan loĝantaron, sed urboj en meza parto de la lando estas ĝenerale unulingvaj.

Estas 7 universitatoj kaj unu el ili, en Turku, estas tute svedlingva.

**La urboj.** La ĉefurbo H e l s i n k i havas 530 000 loĝantojn. La maro preskaŭ ĉirkaŭas ĝin. Ĝia universitato estas plej granda en la nordaj landoj. Ekde la pasinta jaro oni instruas tie libervole Esperanton.

UK de Esperanto okazos en teknika altlernejo, apud la urbo, 8 kilometrojn de la centro.

T a m p e r e estas la dua plej granda urbo. Ofte oni nomas ĝin „Finnlanda Manchester", ĉar tie troviĝas multaj fabrikoj. La kultura vivo, precipe teatroarto kaj literaturo estas tre vigla. La somera teatro estas ŝatata tutlande.

T u r k u estas la tria urbo. Ĝi estas la plej malnova historia urbo. De sia haveno ekiras la ŝipoj al Svedujo.

Postkongreso okazos en Turku. En la urbo troviĝas la plej grandmembra Esperanto-klubo en Finnlando.

**Esperanto-movado.** Kvankam la finna Esperanto-movado estas malnova, tamen ĝi ne estas tiel forta, kiel en multaj aliaj eŭropaj landoj. Dum longaj jardekoj la movado preskaŭ stagnis. En la lastaj 2—3 jaroj la movado tamen videble vigliĝis. Pro tio la tutlanda Esperanto-kunveno kuraĝis inviti Universalan Kongreson en 1969.

Bonvenon en Finnlando, en la Universala Kongreso!

**N. Kavenius** (Turku)

---

## ESTRO-ESPERANTA TUTMONDA REKLAMSERVO

Ĝis nun ne ekzistis bona ligilo inter la Esperanta gazetaro, unuflanke, kaj la monda industrio kaj komerco aliflanke. Tiun mankon celas forigi la fondo de ESTRO (Esperanta Tutmonda Reklamservo), kun oficejoj en Londono, Nov-Jorko, Parizo, Berlino kaj Tokio.

ESTRO estas la kreaĵo de UEA-delegito Grahame L. Smith kaj liaj kolegoj Leslie Wood kaj F. E. Smith. Kontraste kun la plimulto da ĝisnunaj klopodoj pri reklam varbado por la Esperanta gazetaro, ESTRO komencis sian laboron sur tute profesia nivelo. Per bele prezentitaj leteroj kun koncizaj, sed sufiĉaj informoj pri titolo, eldonnombro, limdato, aperdato, amplekso, tarifo ktp., ĝi turnas sin al gravaj entreprenoj por varbi anoncojn. Adreso: 801 St. Albans Road, Watford, WD2 6LA, Britujo.

## *ESPERANTO KIEL LINGVO DE LA GAZETARO*

*La evoluo de la lingvo, alie konstanta akomodiĝo al la aktualaj postuloj de la vivo, estas rezulto de la konstanta aplikado de la lingvo, ĉar tio estas la senkondiĉa postulo de ĝia vivanteco. La kontinuecon de la aplikado de Esperanto certigadis al ĝi de post ĝia naskiĝo unuavice la gasetaro. Sendube konsiderindan rolon en la formado de la lingvo ludas la literaturo. La literaturo donis al Esperanto la rangon de rimedo de la arta esprimado kaj kvankam ĉi koncerne la literatura Esperanto" superas ĝian gazetaran formon, oni tamen devas rimarkigi, ke la gazetaro aplikas la lingvon en pli vasta amplekso kaj kvazaŭ pionire, ĉar la gazetaro reagas pli rapide al novaj fenomenoj ol la literaturo.*

*Esperanto en si mem estas faktoro kunligantala homojn, kiuj ĝin konas, sub la kondiĉo, ke ĝi ne estas nur lingvo entenata en la lernolibroj, sed lingvo vivanta per la fakto de ĝia uzado. La esperantistaj kongresoj, konferencoj, seminarioj, privataj renkontiĝoj ebligas la paroladojn, la parolan aplikadon de Esperanto, Tamen la internacieco de la rilatoj, por kiuj oni destinis tiun ĉi lingvon, ne donas dume okazojn por apliki ĝin tiamaniere ĉiutage. Aliflanke la gazetaro ebligas la ĉiutagan kontakton kun la lingvo. Laŭ tiu ĉi vidpunkto la gazetaron aperantan en Esperanton disde la gasetaro uzanta la naciajn linvojn distingas la aparta funkcio de la formado de la lingvo. Ĉi tiun funkcion difinas la rolo de la gazetaro en la kultivado de la lingvo pere de la iniciatado de maniero esprimi novajn fenomenojn, unuecigi la esprimrimedojn, zorgi pri la obeado al la fundamentaj principoj de la internacia lingvo, unuvorte certigi al ĝi la ĝustan, unuecan evoluon kaj vivantecon. La karaktero de la gazetaro kiel amasa informrimedo estas tiu faktoro, dank' al kiu estas plej facile influi la unuecon de la evoluo de la lingvo.*

**Roman Dobzynski, Pollando**
**(El lia disertaĵo)**

---

## *RICEVITAJ ELDONAJOJ*

**— „Bulgario — malonga skizo" de Spas Rusinov. Belaspekta 124-paĝa libreto, negranda formato, pri Bulgario, riĉe ilustrita, eldonita de Agentejo Sofia-Pres, 1968. Esperanta redaktoro Asen Grigorov. La enhavo de la libreto estas tre interesa por eksterlandanoj. La apartaj skizoj priskribas la bulgaran landon kaj popolon, donas faktojn pri la ŝtata ordo, ekonomio, pri la bonstato de la popolo, pri la kulturo kaj arto kaj donas turistajn informojn.**

**„Ĉehoslovakio — La Grotoj de Centra Slovakio — bone ilustrita faldfolia prospekto.**

**„Internacia Esperanta fericentro Vilparija"— kvar-paĝa prospekto ilustrita pri la bela ferioloko, kie de 16. VI ĝis 30. IX ĉi jare okazos feriosomerumado. Eldonis: E.sociefo, Ljubljana, SFRJ.**

**„Orjubileo" de Skolta Esp. Ligo. — multobligita broŝureto 16-paĝa. Liveras — J. K. Hammer, Taxusstaat 7, Zaandan, Nederlando.**

**„Dua oficiala bulteno" de la 54-a Universala Kongreso de Esperanto. Malpli ampleksa ol la antaŭaj bultenoj. Eldono de UEA.**

**„Ostravica" — ilustrita prospekto pri la ensemblo de popolarto en tiu urbo — Fridek-Mistek en ĈSSR. Kun aldona maŝinskriba teksto en Esperanto.**

**„Broŝuro" — propaganda en nederlanda lingvo, ilustrita. Sen Titolo. Eldono de Nederl. E.-Federacio, v. Tujlb v. Serooserkan pl. 33, Amsterdam. Nederlando.**

### NIA POSTO

**W. G. du Temple.** „Jen Nia Mondo", 150 Driveway, Kanado. Specimenajn n-rojn ni sendas. Represo el „IĴ" ĉiam ebla. Reklamojn ni akcepatas je favoraj prezoj.

**Valerio Ceffa Navara, Italio.** Via letero ricevita. Dankon. Ĉu vi akceptus esti reprezentanto de TEĴA en Italio? La abonkotizo provizore restu ĉe vi. Bv. sendi kontribuaĵon por „IĴ".

**Okt. Obodovskij, Kaliningrad, USSR.** Pri „NB" — ne eble. Tie ĉi la abonkotizo estas ege granda Ĉirkaŭ 13 lv.

**Emil Mayer, Krakow, Pollando.** — „IĴ" ne povas esti informa gazetara servo. Ĝi aperas malofte (4-foje jare), krome ĝi estas organiza organo de TEĴA. Pri Lenin aperis en „Heroldo" pli detale.

**Avoto, Anglio.** — Sinceran dankon pro ĉio. De tempo al tempo bv. kunlabori. Ĉio aperas.

### ŜANĜO DE ADRESOJ

S-ino Maria Fogel, Kniebisstrasse 31, D-7 Stuttgart, Germanio (GFR). Jerzi Uspenski, Warszawa 2, str. K. R. N. 1 m 41, Pollando.

Oskar Berman, Poŝtkesto 400, tel. 63—47 28, Hadera, Israel.

### DEZIRAS KORESPONDI

Gestudentoj de la Popola Universitato de urbo Trapani. Inter ili estas ĵurnalistoj. Adreso: Esperanto, Casella Postale № 23, 91100 Trapani, Italio.

### Novaj membroj de TEĴA

Svetova Lidija Grigorievna, Moskva V—71, M. Kaluĵskaja ul. 12, kv. 45. USSR.

Nazarenko Jurij Ivanoviĉ, Kiev — 21, ul. Oktjabrskoj revolucii 25, kv. 1. USSR.




Diogeno . . .



serĉas kunlaborantojn por revuo „Internacia Ĵurnalisto“ inter neesperantistaj ĵurnalistaj medioj . . .

kor.: Konstantin Sergeev



— Vi estas tro juna kaj bela kai ne estas oportune por vi labori kun mi aj subuloj. Pli bone estas, se vi laboros en mia ĉambro.

# AFORISMOJ

## PENSOJ PRI MORALAJ KAJ AMUZAJ TEMOJ DE ĜONATAN SVIFT

Kiu observas, marŝante laŭ la stratoj, li nepre vidos, laŭ mi, la plej gajajn vizaĝojn en la funebraj procesioj.

*

Neniu aceptas konsilojn, sed ĉiuj akceptas monon: do, la mono pli valoras ol la konsiloj.

*

La klarvida povo estas arto, ĉar per ĝi oni povas vidi nevideblajn objektojn.

*

Se iu tenas min je distanco mi kosoliĝas per la fakto, ke ankaŭ li staras de mi en distanco.

*

Apolono, la dio de la medicino, laŭ la kredo de la antikvaj homoj, sendis ankaŭ la malsanojn. Ek de sia komenco la du metioj estis unuigitaj, kaj tiajn ili estas ankaŭ nun.

*

La maljunulojn kaj la kometojn oni estimas pro la jeno: ke ambaŭ havas longajn barbojn kaj ambaŭ pretendas profeti la eventojn.

*

— Bone li komprenis tion—diras mi, kiam mi tralegas tekstoparton de iu aŭtoro, kies opinio koincidas kun la mia. Kiam mi konstatas diferencon en niaj opinioj, mi diras, ke li trompiĝas.



Sen vortoj. . .

En la apokalipso estas dirite pri la ĉevaloj, ke ilia forto troviĝas en ilia buŝo kaj vosto. La diritan opinion pri la ĉevaloj oni povas eldiri ankaŭ pri la virinoj.

*

La elefantojn oni ordinare pentras pli malgrandaj ol ili estas fakte, sed la pulojn — ĉiam pli grandaj.

*

En Uindzor mi atentigis al lordo Bolinbrok, ke la turo, kie loĝas la kortegaj fraŭlinoj (iam tre belaj), estas ofte vizitataj de korvoj. La lordo respondis, ke tio estas vero. ĉar la korvoj ekflaras kie troviĝas kadavraĵo.

*

Ĉe Pavzanij oni parolas pri konspiro, kiu estis malkovrita per blekado de iu azeno; la akraj krioj de anseroj savis la Kapitolon, kaj la komploton de Katilino denuncis iu prostituino. Laŭ mia rememoro, nur tiuj tri bestoj estas famaj en la historio per siaj denuncoj kaj malkovraĵoj.

*

La ĵaluzo, kiel la fajro, povas mallongigi la kornojn, sed malbonodorigas ilin.

*

Oni trovus malmulte da gapuloj al kiuj oni por eta monero dezirus montri kiel oni povus meti ardigitan feron en barelon kun polvo.

Tradukis: *Dimo Trudoljubov*

---

Post la katastrofo. . .



Sekvas monpuno! . . .



Sen vortoj



— Vi havas bonŝancon, ĉar mi forgesis hejme mian alumeton.



— Kara mia, sufiĉe riproĉojn. Almenaŭ hejme mi deziras esti trankvila.

## REORGANIZO DE ESPERANTO-AGADO EN ĈEĤOSLOVAKIO

Praha. — La 27-a de januaro signis gravan paŝon antaŭen en la reorganizo de Esperanto-agado en Ĉeĥoslovakujo kun la celo plilarĝigi ĝian perspektivon kaj adapti ĝin al la nova politika strukturo de la lando. La ĝisnuna organizaĵo por Esperanto, sekcio de la Kleriga Instituto en Praha, havis tre limigatajn eblecojn. Krome, la ŝanĝo de unueca respubliko al federacio necesigis la starigon de apartaj Esperanto-organizaĵoj agantaj sur la teritorioj ĉeĥa kaj slovaka. Tion proksimigis la oficiala aprobo kaj transdono, la 27-an de januaro, de la nova statuto de Ĉeĥa Esperanto-Asocio, flanke de la Ministerio por Internaj Aferoj. Estas atendata la komplementa formiĝo de slovaka Esperanto-organizaĵo (IGS).

## SOVETA RESPUBLIKO ENKONDUKAS ESPERANTON

Kaunas, Litovujo. — Unu el la respublikoj de la Unio de Sovetaj Socialismaj Respublikoj, nome la Litova S.S.R. apud la Balta Maro, enkondukis la instruadon de la Internacia Lingvo Esperanto en siajn mezgradajn lernejojn. Ĝis antaŭ nur kelkaj monatoj, neniu lernejo en la tuta Soveta Unio instruis oficiale la lingvon.

La nova decido, anoncita per aparta 40-paĝa broŝuro de la Litova Ministerio por Klerigo distribuita en 3000 ekzempleroj, rezultigis urĝan bezonon je instruistoj. La fakto ke dum ĉirkaŭ 20 jaroj ekde 1937 Esperanto estis malpermesita en Soveta Unio, signifas, ke nun plejparte mankas personoj kvalifikitaj instrui la lingvon. Tamen jam 19 lernejoj povis komenci la instruadon, kaj la nombro sendube kreskos rapide

Laŭ la nova programo, Esperanton povas lerni la klasoj 7a ĝis 11a. La instruado estas fakultativa, t. e. oficiala, sed ne deviga por ĉiuj lernantoj. La oficiala kurso konsistas el 52 lecionoj po $1^1/_2$ horoj semajne. La ministeria dokumento atentigas, ke la Internacia Lingvo estas la lingvo „plej rapide lernebla el ĉiuj lingvoj de la mondo" kaj ke ĝi donas bonan bazon por posta lernado de aliaj lingvoj. Aktuale instruas Esperanton ĉ. 600 lernejoj tra la mondo. (IGS)

## BULGARA MINISTERIO REKOMENDAS ESPERANTON

Sofia — La Estraro de la Ministerio por Komunikado de Bulgario cirkulere rekomendis al distriktaj direktoroj de komunikado kaj specialigitaj PTT- kaj radio-entreprenoj helpi la instruadon de Esperanto. La cirkulero, datumita je la 13-a de novembro 1968, portas la numeron S-7-1023 kaj la subskrion de la ministro por komunikado Stojan Tonĉev.

La rekomendo de la ministerio havas apartan signifon por la lernejoj, kiujn administras la poŝtaj kaj aliaj koncernaj instancoj. Al tiuj lernejoj ĝi rekomendas klarigi „la signifon kaj la gravecon de la Internacia Lingvo Esperanto, kaj helpi la Esperanto societojn por organizado de Esperanto-kursoj"

La kompleta teksto de la cirkulero aperis en Interligilo, bulteno de la Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista Esperanto-Asocio.

Laŭ siatempa instrukcio de la Ministerio por Klerigo, jam de post 1963 la Internacia Lingvo estas instruata en studrondoj de mezgradaj lernejoj en Bulgarujo. (IGS)

### SUKCESOJ DE LA INFORMA CENTRO DE UEA EN PARIZO

Pri la 53-a Universala Kongreso en Madrid aperis tra la tuta mondo informoj kaj raportoj en la nacilingva gazetaro, radio kaj televido. Inter la plej elstaraj, tamen, estis la longaj artikoloj, kiujn aperigis la konataj kaj influhavaj francaj ĵurnaloj „Le Figaro" kaj „Le Monde", bazitaj sur informoj de la Informa Centro de UEA en Parizo. La artikoloj ĉefe emfazis la kampanjon de UEA kontraŭ lingva diskriminacio kaj la rezolucion de la Universala Kongreso pri tiu temo.

La ideo pri informa centro en Parizo naskiĝis dum la pasintjara UK en Rotterdam. Gvidas ĝin s-ro André Bourdeaux, profesia ĵurnalisto, regule kunlaboranta kun pluraj gravaj gazetoj kaj kun la internaciaj telegraf-agentejoj troviĝantaj en Parizo.

### Niaj membroj aktivas

**En israela E.-organo „Nia Ligilo" aperis artikoleto pri „Turismo kaj Esperanto" de Oskar Berman. En la sama n-ro 30 estas inter kelkaj aliaj ankaŭ la foto de s-ano Berman kiel E.-pioniro.**

**En gazeto „Orion Upŝag" aperis ilustrita artikolo en hungara lingvo de nia membro Arpad G. Pölöškey.**

## ESTRADO DE TEĴA

*Prezidanto — Olav Thormodsen, P. O. Box 59, Haugesund, Norvegio.*

*Vicprezidantoj — Niilo Kavenius, Taskulantie, I, H139, Turku 9, Finnlando; N. F. Danovskij, Centralnij telegraf. Do vostrebovania., Moskva k-9, USSR.*

*Ĝenerala Sekretario kaj Redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" — Ivan Keremidĉiev Esperov, bul. „Hristo Botev" 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04.*

*Estraranoj: s-ino Karen Salmose, Dalgatan 3A, Märsta, Stokholm, Svedio; Imre Szenes, Rakoczi ut 54, Budapest VII, Hungario; Jerzi Uspienski, Anielewicza 2 m 32, Warszawa, I, Pollando; s-ino Zlata Flego, Zagreb, Jugoslavio kaj. I. Jepsen, Danlando. (La lastaj du adresoj neplenaj).*

KOMITATANOJ DE T. E. Ĵ. A.

Ĉeĥoslovakio — Vladimir Kvapil. Nadražn 334, Bludov, okres Sumperk.
Rumanio, Stefan Freamat, str. Gabriel Peri 4, Bukuresti.
Israel — Oskar Berman, rehov Tarna 49, P. K. 30, Hedera.
Vjetnamio — Dau — Anh Kna, No Quoctenou Rv Vietnam, Hanoi (via URSS).
Ĉinio — Shi Si-wei, Ĵurnalista fako — Pekina Universitato, Peking.

REPREZENTANTOJ DE T. E. Ĵ. A.

Germanio (GFR) —Maria Vogel, Kniebestrasse 31 Stuttgart.
Japanio — Kyosuke Yukimara, 851, Shinobe Befu Kr kogawa.
Bazilo — Sylla Chaves, Rua Bona Mariana, 97, apart. 805, Botafogo, Rio de Janejro.
Aŭstrio — Alois Hilkersberger, Lotzweg 15, Landeck, Tirol.
Francio — Jean Dalet, 79-bis Rue du Chateau, Asnieras, (Seine).
USONO (U.S.A.) — Conrad Fisher, Secretary, R.F.F.I, Cavlin Street, Meadville, Penzylvania 16335.
Aŭstralio — Iréne Fink, F. C. Box. Mount Waverlev, Victoria.

La estraranoj de TEĴA estas membroj de la Cetra Estraro. Ili estas elektataj en ĝenerala fakkunveno.

Komitatanoj estas en tiuj landoj, kie ekzistas pli ol 5 asociaj membroj. Ili estas elektataj de la landaj membroj aŭ nomataj de la Estraro kaj havas rajton prizorgi la aferojn de TEĴA en sia lando kaj se necese voĉdoni kiel konsilantoj de la Estraro pri gravaj demandoj.

La reprezentantoj reprezentas la asocion en sia lando, kie estas malpli ol 5 membroj.

Ĉiuj estraranoj kaj reprezentantoj laboras por aligo de novaj TEĴA-membroj, por plenumo de la decidoj de la ĝenerala kunveno kaj de la instrukcioj de la Estraro. Ĉiuj ili kolektas la membro — kaj abonkotizojn en sia lando (ankaŭ en najbaraj landoj) kaj konservas la monsumojn ĉe si gis kiam aperas ebleco transdoni ilin (laŭ peto de la Sekretario) al la redakcio de „Int. Ĵ-sto".

La membrokotizo (kaj la abonkotizo) de „Internacia Ĵurnalisto" jam estas 1,20 usona dolaro aŭ egalvaloro pro senvalorigo de la mono en Okcidento.

---

**Pro ŝanĝo de la presliteroj en la presejo, n-ro 1 de „Internacia Ĵurnalisto" aperas kune kun n-ro 2.**

---

**Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bul. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04**

Helpredaktoro: Petja Ĉakova